


# INTERNACIA FERVOJISTO

## 2014.1

*La reloj ligas la landojn, Esperanto la popolojn*

## STRATEGIA PLANO DE UEA

En la lasta Universala Kongreso de Esperanto en Rejkjaviko la komitato de UEA elektis novan estraron. El la sepmembra estraro nur du estraranoj restas en la nova estraro. Preskaŭ ĉiuj novaj estraranoj estas eminentaj esperantistoj, kiuj jam pruvis la kapablojn de la novaj kaj efikaj agadoj. La nova estraro decidis pri novaj labormetodoj, al kio donas helpon kaj konsilon la starigita 14-membra Konsilio. Eĉ la estraro elektis novan redaktoron por la revuo „Eperanto”.

Unu el la plej gravaj taskoj estis la pretigo de nova „Strategia Plano de UEA” por la sekvaj kvar jaroj. La plano donas bazan direkton por la agadkampoj. Laŭ tiu plano la strategiaj prioritatoj estas la jenaj:

- modernigi la publikan bildon pri Esperanto;
- krei multlingvan reton de subtenantoj;
- varbi, trejni, interligi aktivulojn;
- multigi trapasantojn de kursoj kaj ekzamenoj;
- disvastigi aktivulan trejnadon;
- emfazi tutmondan edukadon;
- renovigi, popularigi servojn de UEA;
- faciligi partoprenon en kulturaj kaj fakaj agadoj;
- disvolvi solidaran helpagadon;
- plibonigi kaj disvolvi la organizan kernon;
- profundigi kunlaboron kun la landaj kaj fakaj asocioj;
- plisanigi kaj plivastigi la financojn.

Al tiuj plej gravaj temoj devas fokusigi kaj agadi ĉiujn esperantistojn en la sekvaj kvar jaroj. Pro tio ni devas atenteme legi kaj diskonigi tion, eĉ trovi iun aspekton, pri kiu ni povas kontribui por tiu realigado. La tasko de nia Federacio estas krei strategian (labor)planon, ligitan al la strategia plano de UEA.

**István Gulyás**

## FRONTPAĜO:

**Vaporlokomotivo en la aŭrora brilo**

## ENHAVO:

# EKSKURSOJ DUM LA 66-a IFK

En la kadro de la 66-a IFEF-kongreso okazos du duontagaj kaj unu tuttaga ekskursoj. En la antaŭa numero de IF ni donis informon pri la D1 duontaga ekskurso, kiu kondukos la ĉeestantojn al Ascoli Piceno.

En la alia duontaga ekskurso (D2) la partoprenantoj vizitos du belegajn, subapeninajn urbetojn. Unue ni vizitos la urbeton **Ripatransone**, kiu troveblas sur la kresto de la monteto Sankta Nikolao, kaj kiu leviĝas inter la paralelaj valoj de la riveroj Tesino (sude) kaj Menocchia (norde). La rokoj de la montokesto estas ege krutaj je tri flankoj, nur la orienta parto malsupren iras pli milde al la marbordo. La alteco de la monteto estas 508 m-a, kaj la distanco al la marbordo estas 8,3 km-a. La nombro de la loĝantoj estas 4500. Ripatransone estas malgranda juvelo kun kurioza historia centro, kun mezepokaj domoj el la dekkvina kaj deksesa jarcentoj, eĉ kun la plej mallarĝa strateto en Italio. La urbo havas riĉajn arkeologiajn trovaĵojn, kiujn oni povas vidi en la Arkeologia Muzeo de la urbeto. Multaj belegaj konstruaĵoj kaj monumentoj troveblas en la urbeto kiel la katedralo, la Palacoj Podesta kaj Bonomi el la deksepa jarcento. Sub Ripatransone estas interesaj kavernoj nomataj Grotoj de Sankteco, kiu kruciĝas kun la artefaritaj tuneloj de la prahistoria epoko. Antaŭ ol forlasi la urbeton ni proponas laŭiri la tutan ringvojon por ĝui la belegan panoramon. La ĉirkaŭa kamparo estas fekunda, kaj taŭga por ĉiuj kultivaĵoj de la mediteraneaj landoj, precipe por olivarboj kaj vinberoj.

La alia urbeto estas **Offida**, kies teritorio troveblas inter la valoj de la riveroj Tesino (norde) kaj Tronto (sude). La urbeto situas sur roko de la 293 m-ojn alta monteto. La nombro de la loĝantoj estas 5285. La urbeto havas sian kernon ĉirkaŭita de mezepokaj muregoj kun nerompitaj ducilindraj du cilindraj turoj, kiuj estas la restaĵoj de la fortikaĵo el la dekkvina jarcento. La urbodomo havas elegantan loĝion kaj potencan turon el la dekkvara jarcento. La arkeologia muzeo, kaj aliaj interesaj muzeoj troveblas en la Palaco Castellotti. Ĉe la rando de la urbeto sur pitoreska monteto staras la majesta Abatejo de Sankta Maria, unu el la plej signifaj monumentoj de la romanikgotika epoko de la regiono. Offida jam en la sepa jarcento estis grava centro, kiu ekde 2008 estas nomumita unu el la plej belaj urbetoj en Italio. La urbo ankaŭ estas konata pri la vinproduktadoj.

Dum la tuttaga ekskurso la partoprenantoj vizitos kelkajn famajn urbojn, urbetojn. La unua urbo estas la mondfama pilgrimejo **Loreto**, kiu situas

sur la supro de monteto, parte ĉirkaŭita de muroj kaj bastionoj el la deksesa jarcento. En la urbo troveblas impona Baziliko, kaj en ĝi la „Sankta Domo”, kiu estis la loĝdomo de la Sankta Familio en la izraela urbo Nazareth. Laŭ la legendo la loĝdomo estis forportita per la anĝeloj por eskapi la invadon de Palestino fare de la mahometanoj. La vero estas, ke en la jaro 1294 la familio Angeli transportis ĝin per ŝipo post la forpelo de la kruckavaliroj el Palestino. La arkeologoj konstatis, ke la ŝtonoj de la Sankta Domo estas originalaj pro la prilaboro de la ŝtonoj, kaj pro la gravuraĵoj sur la ŝtonoj, eĉ pro la arkitekto-teknika komparado kun la nazareta groto, al kio originale alligiĝis la Sankta Domo. Mem la Sankta Domo estas ĉe la altaro en riĉe ornamita marmora kovraĵo. En la Baziliko estas multaj kapeloj, kaj antaŭ la Baziliko estas la placo Madono, kie troveblas la Palaco Apostola kaj la Iliria Palaco, kampanilo, fontano kaj statuo de la papo Sixto la Kvina. Multaj mondfamaj artistoj laboris en la Baziliko dum jarcentoj, inter ili Ignorelli, Melozzo da Forli, Bramante kaj Lotto. Ili plibeligis la pilgrimejon per freskoj, pentraĵoj, skulptaĵoj kaj per aliaj artaj kreitaĵoj.

Irante laŭ norda direkto troveblas **Castelfidardo**, ĉefurbo de la akordiono, al kies instrumento estas dediĉita interesa muzeo. En la urbeto okazis la fama batalo, kiu ekigis la unuiĝon de Italio. Tiu evento estas dokumentita en la muzeo de la urbeto Castelfidardo.

Poste sekvas la urbeto **Recanati**, naskiĝloko de la fama poeto Giacomo Leopardi. En la urbeto la partoprenantoj povos vidi antikvan urbodomon, belegajn placojn, interesan urban muzeon kun kvar gravaj pentraĵoj de Lorenzo Lotto, la muzeon de Benjamino Gigli kun fotoj, liaj iamaj personaj instrumentoj, dokumentoj kaj scen-kostumoj de la fama opero-kantisto. En la Palaco Leopardi naskiĝis la poeto.

Fine la partoprenantoj vizitos la Palpmuzeon „Omero” en la granda urbo **Ancona.** Kompreneble estos ebleco por mallonge promenadi en la pitoreska urbo, kaj vidi en la marhaveno la Trajanus-triumfon, kelkajn placojn, kiel la Placo de Flebiscito kun la Palaco de Prefekto, kaj la preĝejo Sankta Domenico. Kelkaj malnovaj palacoj, preĝejoj, muzeoj troveblas en la urbo el la XI – XVI jarcentoj. Estas bela vidindaĵo la grandega Citadelo, kiu situas sur la montopinto Astagno.

Do mi proponas al la kongresanoj partopreni en tiuj belegaj ekskursoj.

**István Gulyás**

# Mia unua vojaĝo en Serbio…

Ĉi tiun someron mi partoprenis plurajn Esperanto-aranĝojn, kaj hazarde ĉiu inter ili reprezentis mian unuan ĉeeston tie. Ĝuste pro tio ili alportis al mi multnombrajn, tute novajn kaj ege interesajn spertojn…

Kvankam mi ŝatus paroli pri ĉiuj, mi decidis rakonti mallonge nur pri la lasta… pri "la 6-a Kongreso de Serbiaj Esperantistoj", organizita kaj gastigita de la Fervojista Esperanto Societo "Mile Velĉković" en aŭgusto, en la bela urbo Niŝ.

Mi devas konfesi, ke tiam mi vizitis la unuan fojon la najbaran landon Serbion! Bedaŭrinde!

Mi ne raportas detale pri la riĉa programo de tiu senriproĉe organizita kongreso, sed mi nepre deziras akcenti ion pri la ĝenerala etoso de mia vizito en Serbio. Kvankam ĝis tiam mi konis persone malmultajn serbajn esperantistojn, mi sentis nur post kelkaj sekundoj akceptita kaj "adoptita" de tiu familia rondo…. Neniu barilo, neniu fremda sinteno, neniu bremso malpermesis al mi rapide integriĝi.

Kion mi diru pri la organizantoj… pri Nebojsa Stanković kaj lia ĉarma edzino Lela, pri la lokaj esperantistoj, kiuj invitis la tutan grupon de ĉeestantoj al ilia gastema hejmo kaj regalis nin per kukoj kaj lokaj trinkaĵoj!!! Neniam mi spertis la samon! Babilado, amuziĝo, plialproksimiĝo inter homoj alvenintaj de ĉie.

Mi povas aserti kaj akcenti, ke tiam mi vere spertis "la internan ideon" de Esperanto, pri kiu plej ofte ni aludas teorie, abstrakte, sen vere pripensi kian homecan enhavon elŝprucas el tiu ideo…

En tiu gastejo "Esperanto" ne renkontiĝis serboj kun hungaroj, montenegranoj kun rusoj, bulgaroj kun rumanoj…sed homoj kun homoj!

Kaj tia mirinda renkontiĝo ne estis la sola!

Laŭvice, la esperantistoj ĉu famkonataj aŭ ne, ĉu fervojistoj aŭ ne (mankas spaco por nomi ĉiujn) gastigis, akompanis kaj ĉiĉeronis min en tute nekonata por mi urbo Beogrado.

Laŭ la paroloj de Bojana, tiuj kiuj venas la unuan fojon nepre deziras reveni. Ŝi pravas! Ankaŭ mi revenos, kompreneble!

Fine mi dankas al ĉiuj, kiuj akompanis min dum mia vizito. Ili ebligis al mi belegajn travivaĵojn.

Varme kaj elkore mi dankas al Bojana Alfirević, kiu insiste invitis kaj helpis min sperti ĉi tiun neforgeseblan amikecan etoson.

**Rodica Todor**

# La 21-a Internacia Esperanto-Semajno de la Kulturo kaj Turismo

en Lloret de Mar de la 6-a ĝis la 12-a de oktobro 2013




Kelkaj entuziasmaj katalunaj esperantistoj organizas ĉiujare allogan E-Semajnon ĉe la marbordo de Mediteraneo. Ĉiam ĝi okazas alterne norde kaj sude de Barcelono. Ĉi-foje la bela urbo Lloret de Mar gastigis tiun-ĉi eventon. Lloret estas unu el la plej vizitataj turismaj centroj de la “Costa Brava”- Sovaĝa Marbordo. En la pasinteco ĝi dependis de la konstruado de ŝipoj, fiŝkaptado kaj agrokulturo. La kampojn anstataŭis modernaj hoteloj laŭlonge de la strando. Ni loĝis en la plej granda, en la hotelo “Don Juan” kun 869 ĉambroj. Ĝi estis plene okupata. Por niaj aktivaĵoj ni disponis pri granda salono.

La aranĝon partoprenis 136 esperantistoj el 15 landoj. Venis pluraj novuloj, kiuj asertis partoprenon denove venontjare. La plej aĝaj estis 95 kaj 97-jaraj bone parolantaj geesperantistoj el Sant Cugat del Vallés. Tie okazis la unuaj du E-Semajnoj iniciatitaj de s-ino Trini Garcia Corbach. Kun nostalgio ŝi rememoris tiujn eventojn.

La inaŭguran ceremonion ĉeestis la urbestro de Lloret s-ro Romà Codina i Maseras. Li afable bonvenigis nin dezirante sukcesan restadon. Inter elstaraj personoj troviĝis Barbara Pietrzak el Pollando, kiu salutis nome de UEA. Tuj posttagmeze ŝi prelegis pri la gazeto Heroldo de Esperanto menciante ĝiajn iamajn redaktorojn. Ŝi ĉefe omaĝis kaj substrekis la grandan laboron kaj meriton de Ada Sikorska Fighiera por Esperanto. Barbara ankaŭ iom rakontis pri la E-movado en Pollando kaj ĉefe pri la Pola Retradio, kies elsendojn ŝi efike prilaboras kaj prezentas. De Paŭlo Branco ni eksciis pri la funkciado de Eŭropa Unio. Li, kiel kompetenta persono, pro siaj funkcioj en diversaj institucioj de EU detale priskribis la nuntempan situacion en Bruselo.

Wolfgang Günter en siaj prelegoj “Kulturo de daŭropoveco” parolis pri neceso de la malpliigo de produktado kaj konsumado por pli digna vivo de ĉiuj. Krom aliaj gravaj punktoj li atentigis pri klimatŝanĝiĝo kaj ties malbonaj konsekvencoj por estontaj generacioj.

De la geedza paro Buŝs el Latvio ni eksciis pri la fama litova pentristo kaj komponisto Mikolajus Konstantinas Ĉiurlionis. Ilia dua prelego temis pri la tri Baltaj landoj. Samtempe ili invitis partopreni la 50-an jubileon de BET (Baltaj E-Tagoj) okazonta venontjare en Latvio.

Nia kara organizanto, poeto kaj pensemulo Luis Serrano Pérez dediĉis sian ampleksan prelegon al “La Agrokulturo”. Temis pri influo de agrokulturo al la homa vivo ekde la pratempo ĝis nun. Li emfazis la fakton, ke sen agrokulturo ne povas ekzisti la vivo. En lia interveno kaj debato “Ĉu la E-movado kontentige progresas” estis iom malfacile konvinki lin pri daŭra progresado malgraŭ tio, ke ne okazas tiom da klubaj aktivaĵoj kiom en la pasinteco. La moderna epoko alportas novajn rimedojn, eventojn kaj aliajn aktivaĵojn.
Rodica Todor el Rumanio instruis Esperanton al la partoprenantoj de diversnivelaj scioj. En la E-kurso fluparolantoj plenumis donitajn taskojn, dum ŝi okupiĝis pri komencantoj. Rodica kuraĝigis kaj lerte gvidis ilin al progreso. Kun granda entuziasmo ŝi sukcesis kontentigi ĉiujn grupojn.
La premio de Ada Sikorska Fighiera estis ĉi-foje atribuita al s-ino Alicja Lewanderska-Quednau pro ŝia efika laboro por Esperanto. Kiel kutime okazis ekskursoj. Ŝipe ni direktiĝis al la proksima urbeto Tossa de Mar, kie ni supreniris (kelkaj – per urba trajneto – ,aliaj piede) al kastelo por ĝui la belan panoramon. Restis tempo por promeno tra stratoj kaj kafumado. Dum alia duontaga ekskurso ni vizitis la maran muzeon en Lloret kaj ekkonis ĝian historion. La tuttaga ekskurso estis tre aprezata. Ĝi gvidis nin al Girona, kie ni vizitis la malnovan kvartalon, ni vidis la katedralon kaj poste ni daŭrigis la viziton tra montareca pejzaĝo ĝis la ĉemara urbeto Cadaqués. Iuj el ni promenis ĝis la urbeto Portlligat por vidi la domo-muzeon de la fama pentristo Salvador Dalí.

Dum vesperaj programeroj ni dufoje “interkonatiĝis” ĉe vintrinkado. Ŝercoj, kantoj kaj poemoj animis tiujn vesperojn. En alia vespero la edzino de Luis, Maria Ferigle, per DVD prezentis la operon “La Traviata”. Ne mankis folklora vespero kun havanaj kantoj de la jam konata ensemblo “Montjuit” kaj la fama trinkaĵo “Cremat”, per kiu finiĝis en gaja kaj neforgesebla etoso la 21-a E-Semajno.

**Liba Gabalda**

# Terminologia angulo
# Pri trakaj serpentformo, helico, spiral kaj buklo

Tiujn specialaĵojn de kurba trako montras la skizoj. Komence koncernas artifikan traceadon de relvojoj en montaro, por prima jstri necesan altecdiferencon.




La maldekstra relvojo estas **serpentforma** (laŭ PIV prezentanta sinuan strion).

La dekstra relvojo havas formon de **helico** (laŭ PIV kurbo de ŝraŭbkanelo). Tamen en la UIC-terminaro kelkaj nacilingvaj terminoj por helico havas malĝustan radikon, ekzemple ***serpent-* aŭ *spiral-*.**

**Spiralo (1)** laŭ PIV estas ebena kurbo, kiu pli kaj pli malproksimiĝas tie sia deira centra punkto, rondirante ĉirkaŭ ĝi. Relvojo en formo de vera spiralo ne ekzistas. Simile al spiralo, sed ne ebena, estas la unika fervojlinio atinganta la monton *Brocken* en Harco (vidu dekstre).



La maldekstra skizo koncernas solvon por retroveturo, tipe ĉe tramvojo, sed tie malmulte ankaŭ ĉe **fervojo**. Nia Terminara Sekcio decidis por tio la terminon **trakobuklo returna.** **Buklo (2)** laŭ PIV estas ringoforme kurbigita fadeno, rubando, ŝnuro.

**Heinz Hoffmann**
sekretario de IFEF-Terminara Sekcio

# VOJOJ AL SUKCESO

(Dua parto)

*En la antaŭa numero de IF ni komencis konigi la „Vojoj al sukceso” titolitan broŝuron de Heinz Dieter Hartig. El la kvin gravaj temoj ni publikigis jam la unuan temon „Grupoj”. Nun sekvas la dua temo, la numero estas daŭra.*

## KURSOJ

### 6. Preparo de kursvespero.

**La celon,** kiun vi volas atingi.

**La plej gravajn demandojn,** kiujn vi volas starigi.

**La materialon,** kiun vi bezonas.

**La metodon,** per kiu vi atingos vian celon.

**Kiel resumi** la atingitan rezulton?

**Kromajn (gravajn) aferojn:** temperaturo, lumo, aerumo, loko por la seĝoj, tabloj, tabuloj…

### 7.Lernigu racie. (Racie lerni = mallonge, sed ofte)

**Konsideru la estontecon,** planu por longa tempo.

**Laboru mallonge, sed ofte.** Estas malŝparo labori longtempe pri iu temo (afero). Pli certa sukceso per mallonga, intensa ago.

**Ne malŝparu tempon.** Eluzu la tempon en buso, atendejo k.a. por studado aŭ legado.

**Studkvanto.** Malgrandajn studkvantojn ofte lerni; grandaj studkvantoj ne estas raciaj!

**Malhelpaĵojn** konstatu kaj traktu speciale, ekz. malfacilajn formulojn aŭ nekonatajn vortojn.

## 8. Memoro kaj koncentriĝo.

**Memoro kaj koncentrado estas fratoj.** Ju pli koncentrite oni lernas kaj entreprenas aferojn, des pli bone ĝi restas en la memoro.

**Intereso kaj entuziasmo estas motoroj.** Kiu entuziasme traktas aferon, havas la forton koncentri la atenton.

**Intereso estigas koncentriĝon,** kaj per tio pli bonan memorkapablon. Racio kaj komprenemo estas vojoj veki intereson.

**Ne estu malkontenta!** Kiam vi atingis celon, vi devas laŭdi vin mem, kaj kore ĝoji pri la rezulto.

**Lernu laŭtvoĉe!** Kion vi diris laŭte, restas pli bone en via memoro.

## 9. Cerba trejnado.

**Normala trejnado** estas nepre necesa por la cerbo! Se vi ne uzas vian cerbon, ekdormas la penskapablo.

**Instrui kaj lerni.** Instruante oni lernas. Gepatroj mem lernas respondante la demandojn de siaj gefiloj.

**Refleksaj malhelpoj. Atentu la paŭzojn!** La ĵus proprigitaj informoj estas detruataj per sekvaj travivaĵoj. Tial la lernado estas vespere precipe fruktodona.

## 10. Kion fari en kursvespero (Instigilo)?

**Kolekti ideojn.** Kursanoj proponas spontane solvojn de la problemo (ekz. Pluvas! – kion fari?). Kritiko ne estas permesata! Post elĉerpiĝo demandu laŭvice: „Kio estas laŭ vi la plej bona solvo? – Pro kio?"

**Trakti aferojn.** Prezentu situacion el la ĉiutaga vivo. (Plenŝtopita strato). La grupo esploru la aferon kaj trovu solvon.

**Respondkaruselo.** Kursanoj sidas en rondo. La gvidanto demandas laŭvice. Neniu estu ellasata.

**Debato kaj diskuto.** Du prelegantoj kun kontraŭaj opinioj pri duba temo referas (La hodiaŭa junularo estas bona/malbona). Ambaŭ disponas pri la sama tempo. Sekvas diskuto pri la sama temo.

**Ekskurso.** La kursanoj vizitas iun lokon (stacidomo, ĉefplaco), observas atente (Povas okazi ankaŭ hejmenirante). Poste la kursanoj raportu kion ili vidis kaj aŭdis. Fine estu resumo.

**Arta priskribo.** Aranĝu artan atmosferon. Montru pentraĵon aŭ skulptaĵon pri iu temo. La grupanoj diru siajn opiniojn, kaj klarigu la objekton. Poste la grupo diskutu pri la dirita.

**Interrompa prelego.** Kursano interrompas la preleganton por peti tujan klarigon. Aktiva kunlaboro kaj direkto de la prelego laŭ la interesoj de la aŭskultantoj.

**Verkado.** Konstatu komunajn ideojn, kaj esprimu ilin kreeme. La gvidanto fiksu la temon, donu ekzemplon, meditigu kaj helpu esplori, kiel oni esprimu la ideon.

**Esplora laboro pri literaturo.** Eploru la sencon de iu teksto per la demando: Kion diris la verkisto? Pro kio li diris tion? Kiam li diris tion? Kie li diris tion? Al kiu li diris tion? Konklude kaj resume sekvas demando: Kion signifas tio por mi?

**Intervjuo.** Gvidanto intervjuas kursanon, kiu spontane esprimas faktojn aŭ opiniojn. Sekvas libera diskutado de la tuta grupo.

**Prelego.** Kursano faras preparitan prelegon. Post preparita prelego sekvos libera diskutado.

**Legi diversrole.** Kursanoj legas spektaklon, kiu enhavas diskutendan problemon. Laŭvice transprenu ĉiun rolon. Se necese ripetu. Poste libera diskutado aŭ relegado.

**Demando – respondo.** Donu al ĉiuj kursanoj demandaron. Ĉiu elektu interesan demandon (ekz. funkciado de motoro).

**Esploro kaj raporto.** Starigu al la grupo problemon (ekz. trafiko). Ili esploru profunde, kaj resumu poste kiel raporton.

**Spontan-ludo.** Ludu situacion en mallongaj roloj. Grave: ĉiu prezentu tipan karakteron (en vendejo, kongreso…).

**Medita prelego.** Grupo elektas temon, kaj demandas pri tiu temo. Iu membro respondas prelegante.

**Laborgrupoj.** Estro prezentas problemon, kaj dividas la kurson en tripersonajn grupojn. Ili serĉas solvojn. Post fiksita tempo la grupo raportas.

### 11. Specialaj ekzercoj.

**Elpensu daŭrigon.** Tri viroj en gastejo. La unua levas sian glason kaj diras: „Je la sano de niaj virinoj!”. La dua: „Je la virinoj, kiujn ni amas!”. La tria: „…”.

Sinjorino A: „Nun ni povas permesi al ni grandan aŭtomobilon”. Sinjorino B: „Ni povas permesi al ni ŝoforon”. Sinjorino C: „…”

Medicina studento metis pro spacomanko homan skeleton en ŝranko de sia ĉambro. Iutage venis la nova purigistino en la ĉambron, kaj malfermis la ŝrankon…

**Priskribu laŭeble precize jenajn objektojn:** globskribilo, ŝlosilo, horloĝo, florvazo, tranĉilo, monujo, monero… Certe vi trovos mem multe da taŭgaj objektoj.

**Priskribu situacion kvazaŭ raportisto:** trajnekveturo; vigla vivo sur la foiro; aĉeto en grandmagazeno; cirko: la granda sensacio; zoo: nutrado de simioj; per aŭto: tra bela regiono; per aŭto en vigla trafiko; rikolto en ĝardeno; mia hobia kelo; infanludado; antaŭ montrofenestro; en ekspozicio.

**Asocia ekzerco.** Serĉu minimume tri vortojn, kiuj asocias kun la unua: ekz. domo/dompordo, kuirejo/enloĝanto… fenestro, moro, cirko, haveno, trinki, ĝardeno, oficejo, dormĉambro, lernejo, tablo, migrado, kajero, kinejo, teatro… Pli malfacila: feliĉo, plezuro, beleco, moralo, ĉagreno, arto, silento, fantazio…

### 12. Kondiĉoj ĉe cerba gimnastiko.

**Zorgu pri favoraj kondiĉoj.** Ĉambro, inklinaj partoprenantoj ktp.

**Partoprenantoj.** Formu grupojn el 3-12 personoj. Zorgu pri pozitiva atenteco. Ili estu interesitaj, fantaziemaj kaj bonhumoraj partoprenantoj.

**Esprimu ideojn.** Ankaŭ plej freneza ideo devas esti menciata. Estas pli facile surterigi iun el la spirita ĉielo ol levi lin supren.

**Kritiko poste.** Kritiko estas ideomortigilo! Pro tio „kritiko ne estas permesata!”.

**Daŭro de la kunsido.** 15-20 minutojn. Tiam nepre paŭzon! Eventuale per temoŝanĝo.

## 13. Ludi kaj lerni.

**Sinonim-ludo.** Serĉu laŭeble multajn sinonimojn de iu vorto. Ekz. la vorto „iri": marŝi, migri, rampi… Aŭ la vorto „domo": budo, kastelo, kabano, vilao…

**Demand-ludo.** Divenu serĉatan objekton per celantaj demandoj. La respondo estu nur „jes", aŭ „ne".

**Utilig-ludo.** Esploro por kio taŭgas la objekto. Ekz. papero: ĝi taŭgas por forĵeti, skribi leterojn, rulumi cigaredojn, fari globetojn, fari ĉapelojn… (ne estu serioza ĉi tiu ludo).

**Variad-ludo.** Formu el literoj laŭeble multajn frazojn. Ekz. „D, L, F, K": Dora lernis facile kartludi…

**Ĉenvort-ludo.** Serĉu gvidvorton. Pri kio vi pensas aŭdinte tiun vorton; Ekz. „gastotablo"? Amiko, biero, edzino, ĉagreno, kapdoloro…

**Historio-ludo.** Legu la komencon de iu historio. Daŭrigu laŭ via fantazio.

**Sensenca-ludo.** Sensenca diskutado. Temoj ekz. telefonaparato por maldekstruloj; ĉiu politikisto bredu bestojn; ĉiu tabakpipo devas esti ŝtate esplorata…

**Problem-ludo.** Skizu plaste sekvon de iu eltrovaĵo aŭ politika evento. Ekz. perpetuum-mobile estas eltrovita; aŭtomobiloj nun povas flugi…

**Fantazi-ludo.** Rigardu ĉiutagan aferon el alia perspektivo. Ekz. semero en la tero; printempa arbaro floras; radikoj suĉas akvon; Adamo kaj Evo…

**Idea slipo.** Notu ĉiun ideon aŭ penson dum mallonga tempodaŭro. La plej kurioza estu premiota.

## 14. Demandaro: ekkonu vian situacion.

**La demandoj.** Ekz. Kio estas la homo? Kio estas grava en via vivo? Pro kio vi laboras? Kiun pozicion vi havas en via familio? … en via profesio? …en via scio? Kiun imagon vi havas pri la rilatoj en la mondo? Kiel vi prijuĝas la multoblajn problemojn de la moderna socio? Kio estas la senco de la vivo?

*Jen la dua temo. Ni daŭrigos en la sekva numero de IF.*

**La redaktoro**

# LA 25-a EŬROPA RENDEVUO 16-17.11.2013

La jubilea evento okazis semajnfine en “Stella-Plage” ĉe la nordfranca markolo en la bela kaj komforta feriejo “Stella Maris”. Ĝi estis bone organizita de la geedza paro Arlette kaj Edmond Plutniak. Tridek kilometrojn norde de “Stella-Plage” situas “Boulogne-sur-Mer”, la urbo de la unua Esperanto-kongreso. Rendevuis pli ol okdek esperantistoj el ok landoj. La plej multnombraj estis francoj de la norda regiono.

Sabate la 16-an de novembro 2013 post la akcepto de la alvenintoj Arlette prezentis la novan prezidanton de la Nordfrancia E-Federacio Michel Dechy. Ŝi bonvenigis la partoprenantojn kaj skizis la programon, kiu tuj posttagmeze komenciĝis. Oni povis elekti el kvar eblaj programeroj. Katalin Kováts gvidis E-kurson por komencantoj, kiun povis observi ankaŭ instruantoj. Michel Dechy prezentis kaj animis kurson pere de Tinĉjo-albumoj, Anne Jausions prezentis la plej interesajn nuntempajn romanojn kaj Franjo Lévêque kantigis muzikŝatantojn kaj gvidis korusan atelieron. Ĉe la fino de la staĝo ili regalis nin per belaj kantoj.




Katalin disdonis atestilojn al ĉeestantaj esperantistoj, kiuj sukcesis en KER-ekzameno. Tre bone funkciis la libroservo de FEL, prizorgata de la belga E-klubo de Gent. Laŭ la propono de Flory Witdoeckt el Belgio oni kolektis donacitajn librojn por esperantistoj en Kongolando. En la ferieja restoracio ni bonege manĝis. Vespere ni ĝuis koncerton de Guillaume Armide kaj poste ni babilis en agrabla etoso trinkante oranĝsukon aŭ bieron.

Samtemaj programeroj daŭriĝis dimanĉe antaŭtagmeze. Ekde la 11-a horo estis libera tempo. Oni povis trarigardi ekspozicion aranĝitan surloke kaj admiri belajn pentraĵojn de esperantistoj kaj ornamaĵojn el vitro, faritajn de Katalin. Kelkaj eksponaĵoj estis aĉeteblaj.

Iuj promenis ĝis la plaĝo, aliaj veturis kaj vizitis la najbaran urbon “Le Touquet”. Antaŭ la tagmanĝo ni fotiĝis por memori la eventon. Loka ĵurnalistino aperigis artikolon pri la evento en franca ĵurnalo “La voix du Nord”. Posttagmeze la geedzoj Plutniak dankis al ĉiuj kursgvidintoj kaj al la partoprenantoj. Ili gratulis ankaŭ la iniciatinton de tiu-ĉi renkontiĝo s-ro Jean Dietrich, la honor-prezidanton de la Norda Federacio kaj la unuajn gvidintojn gesinjorojn Valet. S-ino France Valet rememorigis ĉiujn staĝojn, kiuj komenciĝis en Morbecque le Parc sub ŝia gvido. Poste estis prezentata sur ekrano la Eŭropa himno, Michel Dechy parolis pri sia entuziasmo rilate al Tinĉjo kaj prezentis la ĵus eldonitan tradukon de la bildlibro: La Templo de l’ Suno. Retan Esperanto-ludon RISKO prezentis Katalin, ĝia aŭtorino. Oni eĉ iom provludis por pli bone kompreni ĝin kaj instigi la partoprenantojn al ludado. La koruso fermis tiun mallongdaŭran, sed belan aranĝon.

**Liba Gabalda**

# El fervoja mondo

Aŭstrio: **Rekta ĉiutaga kunligo de Vieno kaj Venecio**

Ekde decembro 2013 post pretendemaj traktadoj estos renovigita rekta ĉiutaga kunligo de Vieno kun Venecio tra *Villach* en kategorio *InterCity*. Realigo de la kunligo estas ebla dank´ al envicigo de la trajnoj en devoligitecon de publika servo. En unua periodo oni planas plenumi ekspluatadon kun modernigitaj vagonoj *ÖBB IC*, pli malfrue per trajnkompletoj *Railjet*. Trakciadon por nova *IC*-kurso unuafoje sen lokomotivŝanĝo en *Tarvisio* plenumos lokomotivoj *Taurus ÖBB*. Trafikistoj traktas ankaŭ pri dua trajnparo.

Balkano: F**ervoja koridoro el Germanio al Grekio modernigata**

Konstruaj laboroj sur deka tuteŭropa koridoro daŭriĝas. Kroatio deziras ĝis jaro 2020 investi du miliardojn da Eŭroj, la fervojan linion komplete dutrakigi, pligrandigi maksimuman rapidon al 160 km/h, plilongigi longon de staciaj trakoj al 750 metroj, kaj enkonduki longdistancan gvidadon per radiofonio-reto *GSM-R*. Slovenio sur sia parto en sama periodo planas investi 1,4 miliardojn da Eŭroj. Celo estas redukti vojaĝtempon inter Salcburgo kaj Turkio de 50 al 36 horoj. La deka koridoro longas ĉirkaŭ 2500 km-jn kaj gvidas el Salcburgo tra Ljubljano, Zagrebo kaj Beogrado al greka Tesaloniko.

Ĉeĥio: **Tunelo *Jablunkov* en trafika ekspluatado**



La 1-an de julio 2013 finiĝis preskaŭ sesjara periodo de fervoj-linia programo de Ĉeĥaj Fervojoj (*ČD*) en inter-montvojo tra *Jab-lunkov*. La saman tagon estis trans-donita al trafiko unua linio-trako inkluzive de modernigita haltejo *Mosty u Jablunkova*.

La dua liniotrako estis ekspluata jam fine de majo 2013, sekvis unutraka provizoraĵo, ĉar jam pli frue estis nuligita linioparto *Mosty u Jablunkova – Čadca* tra *Šance*, situanta proksime de la menciita haltejo. Ni memorigu, ke nova dutraka tunelo aperis pro plukonstruo de origina tunelo numero II. Origina tunelo numero I servas parte kiel bermo apudtraka, parte ĝi estos ŝutplenigata.

Foto farita la 18-an de julio 2013 montras lokomotivon 181.084 puŝadanta vartrajnon kun erco al *Třinec* dum veturo tra haltejo *Mosty u Jablunkova* en la novan tunelon. En fervoja stacio *Mosty u Jablunkova* la lokomotivo estos malkuplita kaj revenos al slovaka stacio *Čadca*.

Ĉinio: **Grandrapidaj fervojaj linioj plivastiĝas**

Laŭ oficialaj planoj en Ĉinio en jaro 2015 estos en ekspluatado 16 miloj da grandrapidaj fervojlinioj. Ĵurnalistoj parolas eĉ pri 40 mil, evidente enkalkulas ĉiujn liniojn kun rapidoj 160 km/h kaj pli grandaj. En Ĉinio fine de la jaro 2012 fervoja reto longis 98 mil kilometrojn, kaj por jaro 2015 oni prognozas jam pri 120 mil km-ojn. Registaro anoncis, ke en investado partoprenos ankaŭ privata sektoro, interesiĝo de privatuloj tamen ĝis nun ne estas granda.

Post koruptaj skandaloj kaj granda fervoja akcidento en somero 2011, kiu

okazis apud *Wen-čou* (kiam ĉe kolizio de du grandrapidaj trajnoj estis mortigitaj kvardek personoj), estis iomete bremsigita ambicia evoluo de grandrapidaj linioj en Ĉinio. Lastatempe la fluo de moninvestoj denove malfermiĝis, kaj al grandiozaj planoj kaj projektoj por pliaj grandrapidaj linioj estis nove aldonitaj ankaŭ klimate postulemaj regionoj en nordorientaj landpartoj. Laŭ ĉinaj medioj Ministerio de trafiko decidis nur en jaro 2013 investi en fervojojn 650 miliardojn da Juanoj (pli ol 80 miliardojn da Eŭroj!). Nur por interesiĝo – ankoraŭ en 2011 ĉina registaro investis en fervojan infrastrukturon 842 miliardojn da Juanoj, el tiu monsumo por grandrapidaj linioj ampleksis ĉirkaŭ du trionoj. Restas demando, ĉu ambiciaj planoj estos laŭplane efektivigataj. Fine de la jaro 2012 estis en ekspluatado 9 300 km-j da grandrapidaj fervojlinioj, kaj ĝis la jaro 2020 ilia longo kresku al 16 mil.



Sur la foto: Grandrapida fervoja linio inter urboj *Harbin* kaj *Dalian* estas konstruita por elteni ekstremajn klimatajn diferencojn.

Germanio: **Priserva oferto uzi interreton en *ICE*-trajnoj plivastigita**

Germanaj Fervojoj *DB* en kunlaboro kun telekomunikada kompanio *Deutsche Telekom* plivastigis oferton uzi interreton en trajnoj *ICE*. Tiun ĉi priservon havas jam trimil kilometroj da fervojaj linioj, ekz. Hamburgo – Berlino, Frankfurto ĉe Majno – Nurenbergo – Munkeno, *Göttingen* – *Wolfsburg* kaj *Fulda* – *Würzburg*. En unua duonjaro 2013 estis per akceptado ekipitaj ankaŭ 90 vagonkombinaĵoj *ICE*, ĝis fino de 2013 tiu ĉi nombro estos duobligita. Entute estas per priserva oferto uzi interreton ekipitaj 5 200 km-jn da linioj kaj 255 vagonkombinaĵoj *ICE*.

Italio: **Plej rapida trajno en Eŭropo en funkciadprovado**

Unua grandrapida veturilkombinaĵo *Frecciarossa 1000* por itala operatoro *Trenitalia* la 3-an de julio 2013 estis prezentata al invititaj gastoj. Testadon oni finos en jaro 2014, kaj komence de 2015 la kombinaĵoj estos enkondukitaj en pasaĝertrafikan ekspluatadon. La kompanio *Trenitalia* transdonis mendon por 50 veturilkombinaĵoj *ETR 1000* por 1,54 miliardoj da Eŭroj al konsorcio de la firmaoj *Bombardier* kaj *AnsaldoBreda* en septembro 2010. *Bombardier* respondecas pri koncepta propono, boĝioj, trakcia ekipaĵo, kaj regsistemoj. *AnsaldoBreda* prizorgas plenumon de la projekto kaj muntadon. Laŭ fabrikisto temos pri la plej rapidaj trajnoj en Eŭropo, kapabla atingi rapidon ĝis 360 km/h, dum provtrafika testado ĝis 400 km/h.

Latvio: **Ĉeĥaj basplankaj trolebusoj por Rigo**

Latva ĉefurbo Rigo direktos liveradon de 125 trolebusoj de kompanio *Škoda Electrics*. Dum kvin jaroj estos liverataj al latva metropolo basplankaj artikaj trolebusoj tipo *Škoda 27 Tr* en suma valoro ĝis 2,6 miliardoj da Kronoj (104 milionoj da Eŭroj). La kontrakto enhavas eblon uzi rajton de antaŭaĉeto por pliaj 38 trolebusoj. Unuaj trolebusoj de tiu ĉi mendo venos dum la jaro 2014. Jam en la jaroj 2007-2009 la firmao *Škoda* liveris al Rigo 150 basplankajn trolebusojn kontraŭ 1,5 miliardoj da Kronoj (60 milionoj da Eŭroj).

Pollando: **Plia kredito de EIB por modernigo de fervojlinioj**

Eŭropa Investa Banko (EIB) pruntos al pola administranto kaj ekspluatanto de infrastrukturo, kompanio *Polskie Linie Kolejowe,* 40 milionojn da Eŭroj por modernigo de linioj en orienta parto de la lando. En la jaroj 2013 ĝis 2015 estos modernigataj 78 kilometroj da linioj kaj tri stacioj inter Varsovio kaj belorusa landlimo. Rapido estos pligrandigita al 160 km/h en pasaĝertrafiko, kaj al 120 km/h en vartrafiko. Entuta monsumo de kredito fare de Eŭropa Investa Banko al Pollando por renovigo de fervoja infrastrukturo jam atingas 1,42 miliardojn da Eŭroj.

Slovakio: **Fervoja koridoro estas malfermita**

En junio 2013 finiĝis 17,5 km-jn longa plukonstruo de liniosekcio inter *Nové Mesto nad Váhom – Zlatovce* kiel parto de modernigata ĉirkaŭ 59 km-jn longa fervojlinio *Nové Mesto nad Váhom – Púchov*. La konstruado komenciĝis en jaro 2009 kaj kostis 232 milionojn da Eŭroj. Maksimuma rapido plikreskis al 160 km/h. Dominanto de la konstruaĵo estas nova, 1775 metrojn longa tunelo sub monto *Turecký vrch* (Turka monteto). Unuan fojon en Slovakio estis uzataj ankaŭ etangulaj trakforkoj kun ebla veturo sur branĉvojo per rapido 130 km/h.

Preparis:**Jindřich Tomíšek**
Reviziis**: Heinz Hoffmann**

# HONORIGITOJ

Laŭ la preskribo de la Ĝenerala Regularo de IFEF (§ 26), ni publikigas la liston pri la vivantaj honoraj prezidantoj kaj membroj de IFEF, pri honoraj membroj de FISAIC, pri honorigitoj per speciala FISAIC-medalo kaj pri Honora Patrona Komitato de IFEF.

## Honoraj Prezidantoj de IFEF

| | | |
|---|---|---|
| Engen, Per | Norvegio | 1998 |
| Dr Bolognesi, Romano | Italio | 2009 |

## Honoraj Membroj de IFEF

| | | |
|---|---|---|
| Kruse, Elfriede | Germanio | 1980 |
| Engen, Per | Norvegio | 1988 |
| Barnickel, Willem | Germanio | 1996 |
| De Sutter, Lucien | Belgio | 1997 |
| Patay, János | Hungario | 2000 |
| Glättli, Ernst | Svisio | 2001 |
| Hartig, Heinz-Dieter | Germanio | 2001 |
| Eggenberger, Gertrud | Svisio | 2004 |
| Li, Sen | Ĉinio | 2006 |
| Nobuki,Naosuke | Japanio | 2006 |
| Robiolle, Pierre | Francio | 2007 |
| Stuppnig, Martin | Aŭstrio | 2008 |
| Inĝ Gulyás, István | Hungario | 2009 |
| Dr Hoffmann, Heinz | Germanio | 2010 |
| Brletić, Marica | Kroatio | 2010 |
| Ripoche, Jean | Francio | 2010 |

## Honoraj Membroj de FISAIC

| | | |
|---|---|---|
| De Sutter, Lucien | Belgio | 1998 |
| Ph Dr Abelovská, Anna | Ĉeĥio | 2007 |

## Honorigitoj per speciala FISAIC-medalo

| | | |
|---|---|---|
| Geroldinger, Johann | Aŭstrio | 1967 |
| Kruse, Elfriede | Germanio | 1975 |
| Hartig, Heinz-Dieter | Germanio | 1988 |
| Robiolle, Pierre | Francio | 1994 |
| Engen, Per | Norvegio | 1998 |
| Huber, Walter | Aŭstrio | 2010 |
| Tomíšek, Jindřich | Ĉeĥio | 2012 |

## Honora Patrona Komitato de IFEF

| | | |
|---|---|---|
| Ceci, Pasquale | Italio | 1970 |
| Dr Boulton, Marjorie | Britio | 1977 |
| Inĝ Rodak, Aleksander | Pollando | 1987 |
| Vojtech, Zelenka | Ĉeĥio | 2003 |
| Ph Dr .Abelovská, Anna | Ĉeĥio | 2011 |

INTERNACIA FERVOJISTO
63-a eldonjaro
Dumonata fervojfaka Revuo en Esperanto kaj organo de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio

Prezidanto: Rodica Todor (Rumanio)
rodica.todor@yahoo.com

Vicpr: Sylviane Lafargue (Francio)
sylviane.lafargue@dbmail.com

Sekretario: Vito Tornillo (Italio)
vitorni@virgilio.it

Kasisto: Laurent Vignaud (Francio)
laurent.vignaud@free.fr

Redaktora Komisiono:
Gvidanto: István Gulyás (Hungario)
istvan.gulyas@hdsnet.hu
Membroj: B. Henry, J. Patay, J. Ripoche

Franca poŝtĉekkonto:
Ĉekoj aŭ ĝiroj al „Laurent Vignaud”
9 293 74 Y NANTES
IBAN: FR3320041010110929374Y03237
BIC-kodo:PSSTFRPPNTE

UEA-konto: iffk-o

Apermonatoj:
januaro, marto, majo, julio, septembro, novembro

Redaktofino:
Ĉiam la 10-an de la antaŭa monato
ISSN 0230-323x
www.ifef.net

Faka Komisiono:
GV: Jan Niemann
niemann@kabelmail.dk
SK: D-ro Heinz Hoffmann
hoffmann-ifef@cablemail.de
SK: Inĝ Ladislav Kovar
kovar.lad@email.cz




**Emblemo de la 66-a IFEF-kongreso**




**Arbara trajno en Hungario**